DUA JARO. — N° 19. Unu Numero : 10 CENTIMOJ. DIMANĈO 25 FEBRUARO 1906.

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO
**Franca Eldono :** S° P. BERTHELOT, P.-R., Central, 'GENEVO, Svislando.
**Bulgara Eldono :** S° N. D. KOVAĈEV, 40, Karavelov, SOFIA, Bulgarlando.
Por abonoj, vidu sur la alia flanko.
Nenian redaktajon sendu al la administrantoj.

REDAKTADO INTERNACIA
S° Ch. LAMBERT
10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Francolando.
Por nacia redaktado, vidu sur l'alia flanko.
Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.



N. B. — Ni tiras la atenton de niaj legantoj sur la nova adreso de nia Administranto kiu estas nun

Paul BERTHELOT,
P.-R., Central, 'GENEVO, Svislando.

## INTERNACIA MUTUALISMO

Kiu ne aŭdis, en lastaj tempoj, tiun vorton, nomon de promesata ĉiosanigilo : mutualismo ! Paroladoj, festoj, kunvenoj, kongresoj, ĉio estas por mutualismo ; hieraŭ en Parizo, hodiaŭ en Wien, morgaŭ en London. Oni vidas subite interesiĝi je la mutualeco personojn, kiujn neniam oni estus kredinta tiel mutualemaj. La plej fermitaj kastoj, la plej aristokrataj klasoj, ĝis la estraroj aŭtokrataj neatendite mutualistiĝas, kaj ŝajne havas nenion pli karan ol vivadi kune kun popolaro ĝis nun malŝatata, vivadon mutualan.

Sed estas facile, por senpartia observanto, taksi la dozon de sincereco kiun ĉiu alportas en tiu monda movado. La mutualismo kaj la mil kreaĵoj tiel originalaj kaj fruktodonaj, kiujn ĝi kreis, estas nenio alia ol la praktika formo en kiu sin materialigas la ĉiam kreskantaj ideoj de kolektivismo. Mutualismo asekura : kolektivismo de la riskoj ; mutualismo renta : kolektivismo de la kapitalo ; ĉiuj penoj de la mutualistoj havas kiel rezulton nur ĉiam pli grandan kolektivigon de la homaj bilancoj kaj konsekvence kreskantan solidarecon inter la homoj. Tion ĉiu komprenas, pli malpli klare ; la popolo, kiu vidas en ĝi rimedon al la riskoj kiuj ĝin minacas, kaj la posedantularo kiu konfuze sentas en tiu novaĵo la misteran ilon kiu disŝraŭbas sian tronon. Kaj el tiu ĉiu universala impreso venas la universala intereso kiun ĉiu, diverse, alportas al la moderna mutualismo.

Kompreneble, ĉiu politika partio tiras al si la aferon por sin indigi per la profitoj, kiuj rezultos el ĝi ; kaj nenio estas pli komika ol la jaluza fervoro de tiuj hundoj kiuj, kiel en la hinda fabelo, batalas por scii kiu savos la dronanto... dum la dronanto tre sin savas mem. Efektive por la filozofo, estas nur du partioj, la regantoj kaj la maso, la ŝtatistoj kaj la individualistoj. La mutualismo estas esence — kvankam tio ŝajnas kontraŭdira — individuala movo. La homoj, seniluziigitaj per tro longa esperimento, komprenas ke la ŝtato-dio nenion povas pli ol ili, kaj anstataŭ ĝin daŭre preĝi, ili penas konsentiĝi senpere inter si por realigi pli bonan staton de l'aferoj.

Vane penus la ŝtata partio por endigi la fluegon. Vane ĝi penas ŝanĝi la liberan movon por fari el ĝi leĝan regulon ; kiel ajn laŭdindaj estus la kreaĵoj, kiujn ĝi naskas en tiu celo : deviga asekurado, laboristaj pensionoj, kc, ĝi ne malpermesos ke la liberkonsentata mutualismo iom post iom enprenos tutan la homaron kaj ŝanĝos la figuron de l'aferoj.

* * *

Efektive, kiel la ŝtato povas doni pensioj, kompensi riskojn, kc ? el kie ĝi prenos la monon ? el impostoj, kompreneble. La franca ŝtato pagas 4 1/2 procente al la societoj, kiuj liveras tutan sian monon al la ŝtata kaso. Kaj plie, en kelkaj okazoj, ĝi konfesas ricevon de la duoblo de la reale pagata sumo, tio estas ke, fakte, ĝi liveras 9 0/0 rento ! Certe, industriaj entreprenoj povas doni tion, kaj multe pli. Sed la ŝtato estas ja stranga industrio : ĝi konsistas malpurigi paperon, pafi pulvoron kaj dronigi milionkostajn ŝipojn. Ne tiel oni povas doni 9 0/0 al *akciuloj*. Necese estas do ĉiutage pligrandigi la impostojn, kaj sekve la nombron de impostistoj, la *ĝeneralajn elspezojn*, kiuj ŝarĝas senprofite la aferon.

Male, la libera mutualismo reduktigas kiel eble plej multe tiujn elspezojn. Franca monde konata societo *Les Prévoyants de l'Avenir* havas hodiaŭ 513,923 anojn kaj 58 milionojn 115,345 fkojn kapitalo. La enspezo de lasta januaro atingis 2 milionoj 138,064 fkoj. Nu, la elspezoj de administrado kaj regado ne superis, dum 1905, 125.000 fkoj, tio estas apenaŭ 2 pro cento (1). Kaj la mono, tie ĉi, vere laboras, vere produktas. Pruntita al departementoj, al urboj, ĝi utilas por industriaj kaj publikinteresaj entreprenoj (elektreco, lumgaso, konstruo de publikaj vendejoj, buĉejoj, fervojoj aŭ tramĉaroj, kc). Ankaŭ ĝi iras kaj ĉiam pli iros al terkulturaj sindikatoj, koloniaj entreprenoj kiel : *La Colonisation Française*, kiuj pruntedonas al laboremaj brakoj la necesan kapitalon. Tio ne estas simpla promenado de moneroj, sed vera transformado de la kapitalo : la mono vere utilas ion, anstataŭ daŭri senprofitan rondiron inter la publiko kaj la ŝtato.

Plie, la mutualistaj organizaĵoj, tute ekster la politiko, nacia kiel internacia, ne estas minacataj per la ŝanĝoj de tiuj lastaj. Venu Cezaro en Respubliko, iu lando militakiru aliun, ne nur la mutualista kolektiveco nenion elspezos por tion kontraŭagi, sed la nova estro nenian pretekston havos por ĝin ataki : forta je sia nombro, ĝi povos eĉ venke respondi se li tion ekprovus. Oni vidis antaŭ nelonge kian rezistadon nesupereblan oponis la libera mutualismo franca al la penoj de granda ministro kiu volis ĝin reduktigi unuforme al siaj ideoj. Kaj tiu forto ĉiam pli kaj pli grandiĝas. Sociala reformo eĉ, ne povus malŝati la rajtojn de organizaĵo kiu enhavus la pli multon de la homoj sen kiu ĝi ne povus fariĝi. Baldaŭ eĉ oni povas antaŭvidi la tempon kiam, la mutualismo akirinte kaj kolektiviginte sufiĉan parton de la monda kapitalo, ĝi estos kapabla dikti mem leĝojn al la cetera parto, doni al ĝi kian signifon ĝi volus, kaj regi mem la naciajn kiel la internacian politikojn, kiuj hodiaŭ nur estas rezultoj de la kapitala forto.

Alia supereco — morala — rekomendas la liberan mutualismon al la atento de l'observanto. La progresoj de l'homaro mezuriĝas je la forto de l'instinkto socia, de la sindonemo de l'eroj al la komuna intereso. Kaj la mutualismo, pli ol io ajn, incitas tiun instinkton. La funciisto, servisto de nereala mastro, ĝin servas sufiĉe por gajni sian salajron kaj scias ke oni malmute ŝatas en administracioj la *troecon da fervoro*. Male, la mutualisto servante la societon, tre bone sentas ke li sin mem servas, ke la esperata profito estas proporcia je la elspezataj penoj, kaj ke neniel li povas atingi sian bonon ekster la bono de ĉiuj. Tiel kreskas ege en li la solidaraj instinktoj sur kiuj la optimismoj esperas fondi pli bonan staton de la homaro kaj sen kiuj nenia socia vivo estas ebla.

* * *

Tamen multaj danĝeroj minacas la mutualismon liberan. Precize ĉar ĝi estas libera, ĝi povas senĝene sin mortigi mem. En la komencoj, la egoismo de la anoj povas inciti ilin je dividado de kapitalo, kiu apartenas ne nur al ili, sed al la estontaj membroj ; ĉar tiuj ĉi ne estas tie por protesti, oni preterpasas iliajn rajtojn. Ekzemplo, instrua, estas la jena :

La fondonto la *La Rente Mutuelle* de Bruxelles, S-ro T'Scharner, kredis esti preninta ĉiujn antaŭgardojn necesajn kontraŭ tio per zorge redaktitaj artikoloj de la regularo. La 19 aŭg. 1899, de 2 ĝis 3 horoj, oni decidis la transformigon de tiuj artikoloj, kaj de 3 ĝis 4, oni konkludis la likvidadon kaj la dividadon, laŭ la nova regularo adoptita inter 2 kaj 3.

'Ce la *Sou Quotidien* estis en 1900, unu miliono kaj duono en kaso. Oni voĉdonis la forskribon de la artikolo kiu ordonis la transdonon, en okazo de likvido, de la mono al simila societo. Poste oni nomis unu likvidiston. Tiu ĉi ne jam finis la laboron, sed elspezis pli ol miliono ! Certe ne tion deziris la eks-anoj, kaj ĝuste ili estas punataj por sia egoismo, sed la ekzemplo ne malpermesos rekomencon de la samo en la samaj kondiĉoj.

Ne nur tiu danĝero minacas la mutualan kapitalon : ĝis la nombro de la anoj estos sufiĉa proporcie, ĉirkaŭaj avidoj kaj malamoj sin ligas kontraŭ ĝi. La asekuraj societoj, kiujn ĝi venke konkurencas (1) ; la financaj kapitalistoj, kiuj ĵaluzas tiun novan povon kreskantan ; la ŝtato, fine, tiu ĉiam malsata monpetanto, kiu per simpla *estra faro*, povas senposedigi la anoniman amason ; ĉio tio ĉi favoras la retroagan movon kiu, sub iu ajn preteksto sufokos la junan societon kaj repersonigos la kapitalon pene kolektivigitan. Dramoj, ne jam neforgesitaj, memorigas la malfeliĉan finon de la mutualistoj societoj en Belgujo, kaj en Aŭstrujo ; ĉiu scias kiajn batalojn suferis, ne ĉiam venke la Chatelus'aj societoj francaj kaj italaj. Kaj se nun similaj societoj floriĝas sur la tuta tero, kunigante milionojn da anoj kaj miliardojn da frankoj, tio ne estas sen funebroj ankoraŭ freŝaj, nek sen timoj baldaŭ justiĝontaj.

* * *

Se ni rezumas la ĝis nun prezentitan argumentadon, ni vidas, unue ke nur liberiniciata mutualismo rajtas tiun nomon preni, kaj, ke ĝi estas la vera ŝlosilo de la demando socia ; due, ke multaj danĝeroj ĝin minacas interne kaj ekstere, ĝis ĝi atingos sufiĉan forton, kaj disvastigecon.

Kontraŭ la unua el tiuj danĝeroj, la plej bona defendilo estas, ke multego el la partoprenantoj estus popolanoj. La popolano, pli ol iu ajn, sentas la necesecon de l'unuiĝo. Nenia promesata tuja profito kompensos por li la moralan malprofiton kiun ĝi havos je malapero de la kolektiva kapitalo, konstruata per ĝiaj penoj, kaj kiu ŝirmas lin kontraŭ la riskoj kaj la mizero. En ĉiu okazo, kiam oni proponis la dividadon de mutualista kapitalo, la popola parto de la membraro energie protestis. La mutualismo estas esence popola afero ; ĝi tre facile akceptas en siaj rangoj iun ajn nemiel demandante lin, sed ĝia vera apogo, ĝia vera forto, estas la popolo.

Sekve necese estas ke la oferoj petataj de la mutualano estos malgrandaj kaj facile konsenteblaj. La pli-multo el tiuj Societoj petas de 1 fko ĝis 5 monate. Infanaj mutualajoj postulas 5 c/mojn semajne. Ni kredas, kun la plej spertaj en tiuj temoj, ke la membro devus povi gradigi sian partoprenon laŭ siaj rimedoj nunaj kaj ĝin redukti aŭ vastigi laŭ la ŝanĝoj de sia situacio. Nur oni prenos ŝirmilojn por ke la spekulacio estos neebla, kaj tio nenian malfacilon prezentas.

La alia danĝero estas tiu, kiun prezentas la avidoj de la kapitalista ŝtato kontraŭ la juna mutualaĵo. Oni ne trovis ĝis nun rimedon je tio, kaj oni tremas, kiam oni pensas ke sufiĉus leĝo, eĉ en la plej libera lando, por ruinigi tiujn mirindajn konstruaĵojn de la solidara pacienco kaj faligi iliajn milionojn en la Danajdan barelon de la publikaj financoj.

Kontraŭ tio estas rimedo energia, kiun ĉiu havas sur la lipoj : internaciigo de la mutualismo. Ni alvenis en tempon, kie la franca laboristo, kiel la germana kaj la angla, sentas sian superliman solidarecon. Jam de longe la kapitalo estas internacia, se la mutualismo volas venki, ĝi devas ankaŭ fariĝi tia. Internacia, ĝi estus netuŝebla. Por ĝin ataki, necese estus internacia konsento de la povoj, kaj neniam ili povos interkonsentiĝi pri tia afero. Interne de la domo, oni povas, kun malmulte da bruo, fari polican krimon ; estas neeble ke oni publike kuraĝu ĝin prepari antaŭ la publika monda opinio. Oni scias kian teruron faras al la estraroj la doktrinoj anarĥistaj, tamen, neniam la Povoj Eŭropaj povis interkonsentigi publike la eksterleĝigon de la anarĥistoj, kvankam ĉiu ĝin en koro deziris. Tio estas ĉar ofte oni faras sola aferojn, kiujn oni ruĝiĝos konfesante al aliajn.

La savo de la mutualismo, la certigo de ĝia estonta progresado estas sekve en ĝia internaciigo. Antaŭ longe, tio estus estinta tre granda malfacilaĵo. Nun, kun helpo de Esperanto, la afero estas glata. Kelkaj mutualistoj sin kunigis en komitato, kiu ellaboris projekton de *Internacia Mutualista Societo*. La afero estas preta, kaj proponota en kunveno kiu okazos en Genevo, je l'okazo de la II[a] Esperantista kongreso, kvankam tute ekster tiu kongreso. Tamen, restas kelkaj malfaciloj solvotaj, precipe pri la leĝoj al tiu temo rilataj, tre diversaj en la diversaj landoj. En celo faciligi la disputadon de la definitiva regularo, ni tre petas diverslandajn mutualistojn kaj juristojn, kunigi sin al ni, por helpi nin per siaj konsiloj kaj lumoj.

Tiel estos eble ke, de la septembra kunveno, eliros nova mutualaĵo kiu per pacaj kaj bonfarantaj procedoj, kondukos en la homaro iom pli da bonstato, dolĉigos la interklasajn rilatojn, kaj helpos al la ĉesigo de la sociaj maljustoj.

Paul BERTHELOT.

(1) Mi ne kalkulas en tio ĉi la *monata soldo*, liberkonsentata ofero de la Societanoj por propagando, festoj', ktp. ĉar tio estas tute ekster la afero.

(1) La *Prévoyants de l'Avenir*, nun en rilate malbona momento de sia evoluado, donas 120 fkojn rento por 20-jara pago de 12 fkoj. La *Compagnie générale d'Assurances sur la vie* postulas meze 50 fk, por la samo.

## DIVERSAĴOJ

### Ankoraŭ unu Mirindaĵo

La bonega revuo *La Paix par le Droit* (La Paco per la Rajto) konigas el ni jenon : S-ro doktoro Molenaar el Muncheno nun proponas novan tutmondan lingvon, al kiu li donis lo nomon de *Panroman*. Jen specimena ekzemplo de ĝi :

« Kar senior ! Exist ia plus ke zent diferent soluzioni de problem de kreer un ling internazional o universal ; ma io kred, ke nul de quest soluzioni es si simpl ke mon. Volapük es mort, perke esa trop artifizial. Esperanto non prospero, perke non es homogen e prend son vokabli de lingi totalment diferent. Un text esperantist no es komprehensibl, si on hab non studiet quest ling, dun Panroman es komprendet a prim vist per tut homi, ki sap un ling roman. Son grand utilitat es donk evident. »

Tio signifas :

« Kara sinjoro ! Ekzistas jam pli ol cent malsamaj solvoj de l' problemo krei lingvon internacian aŭ universalan, sed mi kredas, ke neniu el tiuj ĉi solvoj estas tiel simpla kiel mia. Volapük mortis, ĉar ĝi estis tro artefarita. Esperanto ne prosperos, ĉar ĝi ne estas homogena kaj prenas siajn vortojn el lingvoj tute malsamaj. Esperanta teksto ne estas komprenebla, se oni ne lernis tiun ĉi lingvon, dum Panroman estas komprenata ĉe unua vido de ĉiuj homoj, kiuj konas unu lingvon romanan. 'Gia granda utileco estas do evidenta. »

Esperanta teksto ne estas komprenebla, se oni ne lernis tiun ĉi lingvon ! Evidente ! 'Cu niaj amikoj Bulgaroj, Rusoj, Germanoj, k.t.p. komprenas Panroman sen lerni ĝin ? 'Cu, mi, Romanulo, povos skribi Panroman sen lerni ĝin ? Sed kion faras Panroman de la neŭtraleco ? Jam iuj riproĉas esperanton ke ĝi estas tro romana !

SÉHEL.

## ESPERANTISTA CENTRA OFICEJO

**51, Rue de Clichy, Paris**

Paris, la 5-an de fabruaro 1906.

Sinjoro ĉefredaktoro,

'Car kelkaj gazetoj ĵus publikigis artikolojn, kiuj enhavas erarajn opiniojn pri la rolo de la « Esperantista Centra Oficejo », la fondintoj de tiu Oficejo donis al mi la ordonon peti de vi, ki vi bonvolu komuniki al via legantaro, la jenajn klarigojn. Tiuj klarigoj memorigas kaj precizigas la punktojn de la Cirkuleroj Unua kaj Tria : kiuj rilatas al tiu Oficejo, kaj ili malaperigos, ni esperas, ĉiujn malkompreniĝojn.

I

La Kongreso de « Boulogne-sur-Mer » estis nominta du provizorajn komitatojn, la Organizan kaj la Lingvan ; sed ĝi ne estis montrinta kie estus la sidejo de tiuj komitatoj, kaj kiamaniere ili povus ricevi la monajn rimedojn, kiuj estas necesaj por ilia funciado. 'Car D-ro Zamenhof mem insiste deziris, ke la sidejo de la komitatoj estu en Parizo, kaj, ĉar estis necese, kiel diris l'*Espérantiste* (1905 n-ro 11-a) : « ke la provizora komitato organizu sin mem kaj elektu lokon kie oni povos sendi al ĝi leterojn, kaj sekretarion kiu malfermos tiun leteraron kaj plenumos la donotajn sekvojn » ; kelkaj amikoj de Esperanto kiuj, pro tre facile kompreneblaj motivoj, ne deziras esti konataj, interkonsente proponis, ke ili mem pagus la elspezojn necesajn por la organizo kaj funciado de ambaŭ komita-

toj. Post akcepto de iliaj proponoj de D-ro Zamenhof, ili luis loĝejon sidantan 51, rue de Clichy, Paris, en domo, kie sidas la Franca Societo de Fotografarto, kaj kiu enhavas oportunajn ĉambrojn por kunvenoj; kaj ili proponis al mi, kiu akceptis, la oficon de Sekretario-Agento, delegata por labori en tiu loĝejo.

Sekve, la « Centra Oficejo » estas nur EJO kun OFICISTO, fondita kun la celo : « efektivigi unuecon kaj ordon en la laboroj kaj agoj de ambaŭ komitatoj, sub la konstantaj direktado, kontrolado kaj inspirado de D-ro Zamenhof » laŭ la esprimoj de la Cirkulero Unua.

II

'Car la kongreso de « Boulogne » esprimis la deziron ke, en la estonto, la societoj esperantistaj pli ofte interrilatiĝu unuj kun la aliaj, la membroj de la Organiza Komitato, post interkonsento kun la fondintoj de la « Centra Oficejo » decidis ankaŭ uzi ĝin, por plenumi tiun deziron kaj oferi al la Esperantistaro, centron de rilatoj kaj informoj. Ili pensis, ke la helpo donata de la « Centra Oficejo » al ambaŭ komitatoj, esti ankaŭ donota al ĉiuj esperantistoj, kaj ke fondita por esti uzata de la komitatoj, la « Centra Oficejo » povus esti samtempe utile uzata de ĉiuj samideanoj. La detalan programon de tiu projekto montris la Cirkulero Tria. Konforme al tiu programo, la « Centra Oficejo » deziras doni INFORMOJN kaj fari SERVOJN kaj nenion plu. 'Gi volas, ne direkti kaj regi, sed nur INFORMI kaj SERVI. 'Gi tute ne pensas fondi ligon aŭ centran organizon; ĝi nur volas esti LIGILO, inter la societoj kaj inter la izolataj esperantistoj, nur RILATILO, nur PERILO, nur INFORMEJO. Por ke oni ne erare opiniu, ke la « Centra Oficejo » havas superregantan intencon, la fondintoj de tiu Oficejo, ne volis sin turni senpere al la Esperantistaro, por ĝin informi pri ĝia fondo kaj pri ĝia programo; ili petis de la Organiza Komitato, ke ĝi parolu pri tio, je la nomo de la Oficejo, en siaj oficialaj cirkuleroj.

III

'Car la funkciado de la « Centra Oficejo » necesigas monon, kaj ĉar la fondintoj timas, ke ili ne povos ĉiam preni sur sin la tutajn elspezojn, ili pensis, por certe daŭrigi la ekziston de la fondaĵo, starigi, kun la helpo de esperantistoj, specialan societon de Amikoj de Esperanto, kiu finance subtenos la Oficejon, se oni opinios ke ĝi estas utila. Se, kiel ili esperas, la alvoko pri tio, de la Cirkulero Tria, donas sufiĉan nombron da unuaj aprobantoj, la fondintoj de la Oficejo sendos, konsente kun tiuj personoj, cirkuleron por kolekti la aliĝojn al tiu societo, kiu estos poste fondata, nur se tiuj aliĝoj estas sufiĉe multaj.

Volu ricevi, Sinjoro ĉefredaktoro, mian koran saluton.

*La Sekretario-Agento de la « Esperantista Centra Oficejo »*,

Gabriel CHAVET.

## LA LONDONA « COUNTY COUNCIL »

**ĉe la Grupo Esperantista Pariza.**

La legantoj de nia Gazeto scias, ke, kiam la Pariza urbestraro venis Londonon, S-ro L. Bellan, la simpatia sindiko de l'urbestraro, estis akceptita de la Londona Esperanta Klubo, kie li parolis pri la utileco de nia entrepreno.

Siavice, kiam ĝi ekciis la proksiman venon de la membroj de la Londona « County Council » al Parizo, la Esperantista Pariza Grupo tuj decidis, ke ĝi invitos ilin al sia kutima ĉiusemajna kunveno.

La afero estis des pli malfacila, ke neniu el la Londonaj konsilistoj sciis Esperanton, kaj ke la oficiala programo de l' festoj okazontaj estis tiel plenega, ke estis preskaŭ neeble trovi eĉ unu horon liberan, kiu taŭgus por tiu akcepto.

Malgraŭ ĉiuj malhelpaĵoj la afero tamen okazis kaj perfekte sukcezis dank' al la kunaj klopodadoj de la agema prezidanto de l' Pariza Grupo, de la Londona Klubo kaj de kolonelo Pollen la sindonema prezidanto de la Brita Esperanta Asocio.

Pli ol cent parizaj grupanoj kunvenis la ĵaŭdon 8-an de februaro, je la sesa vespere, en bela salono de la « Grand Hôtel » ornamita per fasko da verdaj standardoj kaj granda portreto de D-ro Zamenhof.

Atendante la revenon de l' Londonanoj, kiuj oficiale veturadis tra la ĉefurbo, oni ripetadas la himnon anglan « Al la Reĝo », kiun oni tuj kantos, je l' honoro de l'invitito̧j.

'Cirkaŭ la sepa, S-ro Carlo Bourlet eniras alkondukante *dekdu* konsilistojn, kiuj malgraŭ forta laciĝo pro senfina ceremonia promenado afable akceptis la inviton de l' Pariza Grupo.

Kaj tuj la prezidanto ilin jene alparolas :

Sinjoroj konsilantoj !

Antaŭ ĉio mi volas tre kore kaj respekte danki vin, ĉar vi tiel afable akceptis nian senceremonian inviton, kiu, tute ekster la oficialaj festoj, sin turnis persone al vi, kiel al amikoj de ĉio, kio povas progresigi la noblan ideon pri « l'entente cordiale » ne nur inter Britoj kaj Francoj, sed inter ĉiuj homoj sur la tero.

Via ĉeesto ĉe nia kutima kunveno estas por nia Pariza Esperantista Grupo granda honoro, kiun ni longe memoros kaj kiu plifirmigos la korajn ligilojn inter Britaj kaj Francaj Esperantistoj.

Tiu hodiaŭa kunsido estas la plej bona pruvo de la utileco eĉ neceseco de ia helpa internacia lingvo, kiu faciligus la interrilatojn inter diverslandanoj.

'Ci tie mi ja vidas klerajn homojn apartenantajn al altrangaj klasoj de du interamikaj civilizitaj grandaj nacioj; kaj ili apenaŭ povas sin interkompreni !

Via eminenta prezidanto Sir Edwin Cornwall elpensis tre gravan planon de interkonsiliĝo de la diversaj urbestraroj de l' ĉefurboj de l' mondo.

Li mem diris, ke tiamaniere :

« Oni enkondukus novan elementon konsistantan el la internacia sentado, kiu estus naskita de l' persona amikeco de viroj sin okupantaj pri la sociala bonstato de siaj samlandanoj. »

Kaj ke :

« Tiu sentado nin certe kondukus al permanenta paco inter la civilizitaj nacioj ».

'Ciuj prudentaj homoj aplaŭdas tiujn noblajn parolojn kaj tutkore deziras la efektiviĝon de tiu homama entrepreno. Sed vi sperte scias kiel ne facila estas la disvolviĝo de tia dezirinda *persona* amikeco inter viroj, kiuj havas nenian komunan lingvon por interkompreniĝi. Por vere fariĝi amiko de tiom da diversaj nacianoj, ĉiu urbestro de ĉefurbo devus fariĝi multlingvisto kaj pasigi longan tempon por lerni malfacilajn lingvojn.

Nia mondo estas vera granda Babela turo, kie fratoj-homoj sin malkonas, sole ĉar ili sin reciproke ne komprenas.

Esperanto alportas al ni la solvon de tiu grava demando. 'Ciu povas ĝin ellerni en malmulte da tempo; kaj dum oni uzas jarojn kaj jarojn por malbone scii unu aŭ du fremdajn lingvojn, kelkaj monatoj da serioza studado sufiĉas por flue paroli kaj skribi nian facilegan idiomon, kies neŭtraleco malplezurigas nenian nacian fierecon.

Tiujn kvalitojn de Esperanto ni deziris konigi al vi, kiam ni invitis vin por veni aŭskulti nin, kaj ni denove esprimas niajn sincerajn dankojn, ĉar vi uzis kelkajn el viaj multekostaj momentoj por konstati la neduban realecon de tiuj mirindaj ecoj.

Ni do kuraĝe esperas, ke, konvinkitaj pri la ne diskutebla utileco de nia entrepreno, imitante la Parizan Urbestraron, kiu ĉi-tie donas al ni sian altan patronadon kaj sian apogon, vi bonvolos, viavice, helpi la penadon de la Britaj Esperantistoj, kiuj kune kun ni laboradas por la bono de la tuta homaro.

Pariza kungrupano S-ro Lecaron tradukis anglen tiun paroladon.

S-ro kapitano *L. R. Hemphill* unu el la sekretarioj de la *Council* unue respondis angle, ke Sir Edwin Cornwall la prezidanto de l' *Council* ne povis veni mem, ĉar li estas ankoraŭ en la *Sorbonne*, sed ke li komisiis lin por kore danki la Grupon Parizan pro tiu invito, kiun li tre bedaŭros ne povi akcepti.

Poste *Lord Elcho*, alia sekretario de la *Council* dicis france, ke la Londonaj konsilistoj estas tre ĝojaj pro tiu aminda akcepto kaj tre dankemaj al la Grupo Pariza, ke ili estas treege interesataj de ĉio, kion ili vidis, konstatis kaj aŭdis, kaj li plidiris :

« Mi mem estas unu el tiuj viroj, pri kiuj ĵus parolis via prezidanto, kiuj longe studadis lingvojn por ilin malbone scii *(la ĉeestantaro proteste murmuris ĉar la parolanto tre bone parolis france)*; kaj ni Britoj trovas la ellernadon de la franca lingvo tre malfacila. Via lingvo Esperanto povas do fari grandajn servojn. Internacia sentado kuŝas verdire ne en paroloj sed en la koro; kaj tamen la facileco de l' interparolo estus bonega pacigilo, kiu taŭgus ne nur por amikaj konversacioj, sed ankaŭ por scienco kaj precipe por eksterlanda komercado. Ni tre dankas do vin, ĉar vi konigis al ni tiun rimarkindan lingvon, kaj sendube, kiam ni revenos Londonon — kio okazos trpo frue, ĉar bedaŭrinde ni devas forlasi Parizon la proksiman Sabaton — ni serioze esploros tiun demandon kaj helpos vian ŝatindan agadon ».

Trifoja *hip, hip, hip Hurrah* sekvis tiun gravan promeson.

Poste, kun la akompanado de nia kara muzikverkisto de Ménil, la Parizaj Esperantistaj ĥore kantis la anglan nacian himnon « Al la Reĝo » en Esperanto laŭ la bona nova traduko de D-ro Zamenhof.

S-ro Carlo Bourlet tiam prezentis al la konsilistoj la ĉefajn ĉeestantajn Parizajn Esperantistojn : generalon Sebert, D-ro Javal, kapitanon G. Moch, S-ro H. Huet.

En la bufedo apuda oni poste trinkis teon kaj ĉampanvinon; kaj vivegaj toastoj, bruegaj aplaŭdoj, kora babilado senĉese sonis.

La ĉeestantoj preskaŭ forgesis, ke jam venis la tempo por vespermanĝi kaj la oka sonoris kiam oni disiĝis.

Jen grava interesa kaj verŝajne profitdona fakto, des pli grava kaj signifa, ke krom la oficialaj vizitoj, la anglaj konsilistoj faris nenian alian viziton kaj rifuzis ĉiun alian inviton.

Kaj tiun sukceson ni denove ŝuldas al tiu agema Pariza Grupo, kiu tiel kreskis, agis, laboris sub la fruktodona prezidado de nia sindona kunlaboranto Carlo Bourlet.

PARIZANO.

## BIBLIOGRAFIO

*Georgo Norman.* — POŜLIBRO INTERNACIA *por aferistoj, turistoj, k.c.* — Parizo, Hachette. — Prezo 2 fr.

Tiu ĉi verko estas praktika ilo. En la unua parto (la pli maldika), la aŭtoro enmetis ĉiaman kalendaron en nova aŭ gregoria kaj malnova aŭ julia stilo kaj la liston kaj daton de l' festoj moveblaj. — La dua parto, pli ampleksa, enhavas grandan nombron da tabeloj komparantaj la monerojn, pezojn kaj mezurojn de l' diferentaj nacioj. — La bonegeco de l' fontoj el kiuj devenas tiuj ĉi informoj igas ilin tre fidindaj Kvankan ĉefe redaktita por aferistoj, tiu ĉi verketo pro sia praktikeco kaj internacieco formas preskaŭ por ĉia persono tre oportunan gvidlibron

Unu preserareto : l'akvo bolas en la temperaturo de 80 gradoj Reaŭmuro kaj ne de 100, kiel estas skribita.

* * *

*Th. Cart.* — ESPERANTA RADIKARO. — Parizo, Presa Esperantista Societo. — Preza : 60 centimoj (vendata por la propagando de esperanto inter blinduloj).

Mi citas la antaŭparolon : Tiu radikaro konsistas 1- el ĉiuj radikoj, (escepte la afiksaj), entenitaj en universala vortaro; 2- el ĉiuj radikoj, samaj kaj komunaj, entenitaj en la franca, germana kaj angla vortaroj; 3- el multaj radikoj, kiuj troviĝas kune nur en la germana, sveda kaj hispana vortaroj.

'Gi estas do la plej plena kiun ni posedas, kaj pro tio ĉiuj esperantistoj devas havi ĝin. Plue, ĉar la radikoj ne estas tradukitaj, ĝi fariĝas bonega ilo de ekzercado en kursoj, kie la profesoroj povas uzi ĝin por ellernigi la signifon de l' vortoj.

Kiel ceteraj verkoj de S-ro Cart, ĝi estas zorgege verkita.

Rimarketo. — Mi legas en ĝi : « Precipe oni forlasis la radikojn plene internaciajn kompreneblajn por ĉiuj. » Kaj tiu ĉi frazo estas komuna en la diversaj esperantaj vortaroj. Nature, se la vorto estas plene internacia, mi ĉiam komprenas ĝin. Sed kiam mi skribos, kio instruos min ke ĝi estas plene internacia ? 'Cu mi devas por tio lerni ĉiujn lingvojn ? Tial ke ĉiujn internaciaj vortoj estas esperantaj, ili devas ricevi la *unuan lokon* en niajn vortaroj.

* * *

TUTMONDAJ FAJRO-KUTIMOJ, *kolekto farita de H. W. Southcombe.* — Londono, British esperanto association. — Prezo 35 centimoj.

Antaŭ kelkaj semajnoj, *Sciemulino* rimarkigis en Esperantojurnalo la grandon intereson de tutmondaj enketoj kiujn esperanto permesas fari. Jen ekzemplo bonega de ili. S-ro Southcombe petis kaj ricevis de 34 korespondantoj diversnaciaj informojn pri festoj popolaj kie fajro ludas grandan rolon. Kaj jen ni konas nun kio fariĝas tiamaniere en 28 diversaj landoj. Tiu ĉi verko, konscience farita, estas kvazaŭ vivanta pruvo de utileco de esperanto.

ONI POVAS AĈETI LA GAZETON

**ESPERANTO**

**en ĉiuj stacidomoj francaj kaj svisaj**

## POR PROPAGANDO

Ni havas kelkajn nevenditajn numerojn resenditajn de la vendistoj kaj tenejistoj. Tiuj ekzempleroj estas ne tre freŝaj, iom flaviĝintaj au makulataj, sed ankoraŭ tre taŭgaj por propagandaj celoj, kiel senpaga disdono, intenca perdo en legejoj, vagonoj, atendaj salonoj, por la hospitaloj kaj por ĉio kion povas eltrovi penso de lerta propagandisto. Ni povas ilin liveri *afrankile ĉe domo* por la jenaj prezoj :

| POSTPAKETO DA : | DUA ELEKTO | UNUA ELEKTO |
|---|---|---|
| 3 milgramoj (ĉirkaŭ 150 jurnaloj.) | 2 50 | 4 »» |
| 5 milgramoj (ĉirkaŭ 250 jurnaloj.) | 3 70 | 6 20 |
| 10 milgramoj (ĉirkaŭ 500 jurnaloj.) | 6 50 | 11 50 |

Supera elekto : tute freŝaj ekzempleroj. Unu cento : 4 fk., poŝto plie.

*ELIROS LA UNUAN DE MAJO*

**SOCIA REVUO**

tute redaktata en Esperanto, pri ĉio kio rilatas al la progresoj de l' homara vivado kaj organizado.

**Fakoj** : Filozofio. — Religio. — Juro. — Mutualismo. — Politiko. — Tradukaĵoj.

Krom la fako *Tradukaĵoj*, ĉiuj artikoloj estas originalaj.

Unu numero **1** franko afrank.

Gravaj rabatoj po multe.

**NOTU BONE :**

Estos presataj *nur la antaŭ menditaj* numeroj — nenia estos vendebla post la eliro.

La cent unuaj mendantoj ricevos plie la duan volumon senpage.

Sin turni al *Esperanto*. P.-R., Central, 'GENEVO, Svislando.

## AVIZO AL ABONANTOJ

Se oni ne esprimas malan deziron, ni komencigas la novajn abonojn de unu el la lastaj numeroj. De kelkaj restas al ni nur tre malmulte da ekzemplerojn. Ni povas ilin liveri je la jenaj prezoj :

N-roj 2, 7, 8 k. 9 ĉiu 0.30
N-roj 3, 6, 10 k. 15 ĉiu 0.20

La 15 unuaj n-roj, afrankite 2 fr. 50

N-ron 1 ni ne vendas aparte de la kolekto 1905.

**Komerca vojaĝisto** pri paperaĵoj aŭ similaĵoj, partiano de Esperanto estas petata sin konigi al administranto de tiu gazeto, informante pri la lokojn kiujn li trairas dum siaj vojaĝoj.



## DEZIRAS KORESPONDI

F-no Anna FARRÉ, kun juna anglino.

F-no Johanino BERTHOLLE, kun dano, svedo aŭ norvego.

F-no Anna MIQUEL, lernejestrino, kun rusa instruistino, pri sociaj kaj instruaj temoij.

Komuna adreso : CÉRET, P.-O. France.



## TRA LA MONDO

*Tutmonda multilustrata Esperanta revuo*

Kunlaborado plene internacia pri la sekvantaj temoj : nuntempaĵoj, arto kaj literaturo, sciencoj, komerco, industrio, militistaro, maristaro, teatro, sportoj, virina kaj gejunula paĝo, felietono; ludoj, konkursoj kun valoraj monaj premioj.

**Eliras je la fino de ĉiu monato**

Jarabono, nur 8 fr.; kvaronjara, 2 fr. 25 c., poŝtmandate. — Unu specimeno : 0 fr. 75 c., poŝtmarke.

15, Boulevard des Deux-Gares, MEUDON (Seine-et-Oise), France.

## ESPERO PACIFISTA

Monato organo de l'Internacia Societo Esperantista por la Paco.

Jara abonkosto. 5 fkoj. minimuma kotizo Krom avizo kontraŭa, la abonantoj estas enskribataj kiel aliĝantoj al la Societo. Tiu ĉi akceptas opajn aliĝojn. — Sin turni al S-ro GASTON MOCH, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (Francujo).

## THE BRITISH ESPERANTIST

Oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio; 12 paĝoj da novaĵoj, k.c. anglo-esperante, kaj 8 paĝoj da aldono tute en Esperanto.

Jare 4 fk. (sen aldono 2 fk).

Oni abonas ĉe la Sekretario de la B.E.A., 14, Arundel Street, Strand, London, aŭ ĉe *Esperanto*.

## GERMANA ESPERANTISTO

Monata organo de germanlingvaj grupoj, redaktata esperante kaj germane.

Enhavo propaganda, kronika, literatura.

Abonprezo por ĉiuj landoj Mk. 3 —, fr. 3.75, sh. 3 —.

Admin. kaj Red. : *Berlino*, Prinzenstr. 95.

Abonmendoj kaj pagoj estas akceptataj de la administranto de *Esperanto*.

## RUSLANDA ESPERANTISTO

Ĉiumonata jurnalo Esperanto-rusa de la Societo « Espero ».

Vasta kaj diversa materialo pri la problemo kaj movado de Esperanto. Social-politika fako. Verkoj de gloraj modernaj beletristoj (*Ruĝa Rido* de L. ANDREJEV k.al.)

Detalaj prospektoj estas riceveblaj senpage.

Jara abonpago (kune kun membriĝo en la Sto *Espero*). — *3 rubloj* (7 fr. 50).

Adreso : Ruslando *St-Peterburgo*, B. Podjaĉeskaja, 24, la Sto « Espero » — aŭ al administranto de *Esperanto*, P.-R., Central, 'GENEVO, Svislando.

## LA SIGNO ESPERANTISTA

estas

**LA VERDA STELO GASSE**

★

prezo 1 franko.

Specialaj rabatoj pogrande. Sin turni al Esperanto. Almeti 0 fr. 15 por afranka sendo rekomendite.

SECONDE ANNÉE. — N° 19. Le Numéro : 10 CENTIMES. DIMANCHE 25 FÉVRIER 1906.

# ★ ESPERANTO ★

JOURNAL DE PROPAGANDE POUR LA LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRATION :
M. Paul BERTHELOT
P.-R., Central, GENÈVE, Suisse.

ABONNEMENTS
24 numéros consécutifs, 3 fr. pour le monde entier.
10 abonnements à la même adresse : 24 fr.
Edition de luxe : 12 numéros, 4 fr.

RÉDACTION :
M. Ch. LAMBERT
10, rue Berbisey, DIJON (Côte-d'Or).

N'envoyer à la Rédaction rien de relatif à l'Administration.

PUBLICITÉ-ANNONCES
Agent Général : M. EMILE GASSE
59, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

Prix des annonces côté français :
Le centimètre-colonne : 2 francs.
Réduction 25 0/0 pour 12 insertions ; 33 0/0 pour 24.
Minimum : 3 francs.

*Le numéro* **20** *de* **Esperanto** *paraîtra*
*DIMANCHE 18 MARS*

N. B. — Nous attirons l'attention de nos lecteurs sur la nouvelle adresse de notre Administrateur qui est

Paul BERTHELOT,
P.-R., Central, GENÈVE, Suisse.

## AU MAROC

C'est à peine si la Conférence d'Algésiras vient de se mettre à l'ouvrage ; d'ores et déjà il est à prévoir que prévaudra le système de la porte ouverte, sous le contrôle des diverses nations intéressées. Si tant est que la Conférence doive aboutir à quelque chose.

On tâchera d'organiser les douanes, la police, les voies de communication, peut-être même l'instruction publique.

Et, naturellement, on commencera par installer des fonctionnaires.

Personne n'entend laisser à qui que ce soit une prépondérance trop marquée au Maroc. On décidera donc probablement que les diverses administrations devront être confiées à des nations différentes : il y aura des fonctionnaires anglais, français, allemands, espagnols, qui correspondront dans leur langue nationale avec leurs Gouvernements respectifs.

Mais comment ces divers fonctionnaires correspondront-ils *officiellement* entre eux ?

En Arabe ? Cela pourrait convenir aux Marocains. Comme tous ces fonctionnaires auront à faire avec des indigènes, il est vraisemblable que tous devront connaître la langue du pays ; toutefois, nous ne voyons pas bien les délégués de l'Europe s'appliquant à rédiger en arabe leurs rapports et leurs statistiques. Le but à atteindre n'est pas d'arabiser les Européens, mais plutôt d'européaniser les Arabes.

En français ? Ce serait un avantage énorme concédé à notre pays et particulièrement à tous ceux de nos compatriotes qui s'intéresseraient aux questions marocaines dans un but quelconque : établissement de succursales ou de comptoirs, recherche et exploitation des richesses du pays, entreprise de travaux publics, etc. Posséder la langue du pays est toujours précieux pour se faufiler au milieu des indigènes et prendre au mieux de ses intérêts contact avec eux. Connaître à fond la langue officielle au Maroc serait de même le plus efficace des avantages pour bien discuter avec les hauts fonctionnaires les affaires et les circonstances, et pour arriver à ses fins.

Or, les Allemands ne veulent absolument pas que les Français soient plus qu'eux-mêmes favorisés ; il n'est donc pas douteux qu'ils n'accepteront point le français comme langue internationale officielle au Maroc.

En allemand ? Les Français et les Anglais sont d'accord pour limiter autant que possible les moyens d'actions des Teutons dans l'Afrique du Nord.

En castillan ? Cela ferait trop bien l'affaire des Espagnols. Les sujets du gentil petit roi auraient si tôt fait de considérer comme une colonie à eux l'empire d'Abd-el-Aziz, que l'immigration espagnole au Maroc deviendrait vite un danger pour nos intérêts : déjà dans le département d'Oran qui est cependant administré par des Français pour le compte exclusif de la France, le nombre des sujets espagnols est inquiétant. L'Espagnol ne saurait donc nous convenir comme langue officielle au Maroc.

En anglais ? Il est problable que malgré l'entente cordiale, le Gouvernement français lui-même opinerait que c'est déjà bien suffisant que l'on parle officiellement l'anglais en Egypte, à Malte et... à Gibraltar. Les Anglais ne font pas que du tourisme de par le monde !

En italien ? La question de l'Algérie par rapport à l'Italie est la même que la question de la Méditerranée par rapport à l'Angleterre. L'Italie a déjà la main gauche sur la Tripolitaine ; si nous lui mettons dans la main droite le Maroc, nous risquons tout simplement qu'un beau jour, en rapprochant les deux bras, elle étouffe notre Algérie. Gardons-nous donc bien de lancer les Italiens sur le Maroc.

En russe ? Comme les sujets du Tzar se désintéressent complètement du Maroc, il est vraisemblable que l'usage officiel de leur langue à Marakesch et Tanger ne favoriserait personne. Bien au contraire, car la langue russe est très difficile, peu connue même des diplomates de carrière, à plus forte raison du gros public. Voyez-vous les gens désireux d'aller faire quelque chose au Maroc obligés d'apprendre non seulement l'arabe mais encore le russe ?

Donc, il semble évident que l'emploi officiel au Maroc d'une langue européenne quelconque, ou bien livrerait ce pays à l'influence dangereuse pour les autres du peuple dont on aurait choisi la langue, ou bien rendrait la pénétration pacifique au Maroc par trop difficile pour tout le monde.

En latin ? Peut-on sérieusement proposer une langue aussi complexe, aussi difficile, aussi bourrée d'illogismes et d'idiotismes, alors que cette langue personne ne la parle plus et que chacun l'écorche et la prononce à sa guise. Et ce n'est pas tout ; si la grammaire latine est tellement touffue que les plus forts en thème s'y perdent, le dictionnaire latin pour énorme, pour colossal qu'il soit est incomplet ! Il y manque précisément tous les mots qui correspondent aux progrès modernes dans l'outillage, l'économie, la politique, etc. Il faudrait fabriquer de toutes pièces des centaines et des centaines de mots... même nos braves curés de campagne ne s'y reconnaîtraient plus dans ce latin de cuisine marocaine.

Pour les fonctionnaires ce serait effrayant, pour les lettrés ce serait grotesque, pour le public ce serait inaccessible.

Personne n'osera proposer le grec, le japonais, le magyar, le cafre.

Resterait donc comme ultime remède à constituer de toutes pièces une langue neutre *artificielle* qui serait — pendant qu'on y serait — aussi facile à parler qu'à écrire, sans être pour cela un grotesque sabir.

On établirait un vocabulaire avec les racines des mots déjà connus de la grande majorité des peuples civilisés. On en trouverait certainement des masses, ne seraient-ce que celles qui sont dérivées des idiomes primitifs et du latin, cette langue universelle de l'antiquité. On compléterait ce jardin des racines latines au moyen de suffixes et de préfixes habilement choisis, qui permettraient de nuancer les mots racines tout en évitant les complications si nombreuses dans toutes les langues usuelles.

On s'entendrait pour la prononciation de cette langue artificielle, en n'y introduisant que des sons et un accent tonique très simples, tout le monde pourrait la prononcer facilement et de façon identique.

Quant à la grammaire, de savants linguistes rechercheraient d'après les lois de formation des langages articulés, le nombre strictement nécessaire d'espèces de mots et de rapports d'idées qu'il faudrait admettre et exprimer pour que tous les hommes puissent traduire exactement et logiquement toutes leurs pensées, toujours en supprimant les inutiles complications.

Supposez que l'on arrive ainsi à faire une grammaire que quiconque pourrait apprendre en quelques heures, un vocabulaire dont les Espagnols, Portugais, Italiens, Roumains, Américains du Sud, etc., connaîtraient de par leur idiome national 80 pour cent des radicaux, les Français, 70 ; les Anglais et Américains du Nord, 60 ; les Allemands, 35 à 40 ; les Russes, Hongrois, Norvégiens, 25 à 30 ; la langue nouvelle serait accessible aux diverses nationalités d'Europe à peu près en raison directe de leurs intérêts au Maroc.

Presque sans effort, tout homme un peu instruit saurait parler et écrire correctement la langue artificielle.

Hélas ! Une langue artificielle pratique, c'est une utopie.

Comme la télégraphie sans fil, comme la navigation sous-marine, c'est du Jules Verne !

Une langue artificielle internationale, c'est tout juste un prétexte à des plaisanteries faciles. On ne s'arrête pas à des idées pareilles ! Combien de gens posés s'aventureraient à soutenir le contraire ?

Il y a bien l'Esperanto, grâce auquel des milliers et des milliers d'individus éparpillés sur tous les points du globe correspondent entre eux avec la plus complète facilité.

Il y a bien l'Esperanto, grâce auquel 3.000 congressistes anglais, allemands, espagnols, italiens, suédois, tchèques, russes, arméniens, polonais, ont conversé pendant plus d'une semaine à Boulogne-sur-Mer en septembre 1905.

Mais qu'est-ce que cela prouve ? Les gouvernants, hélas ! n'ont pas le temps d'apprendre l'Esperanto.

Quelle superbe occasion, pourtant ils ont en ce moment d'en faire un essai pratique.

(Extrait *Des Nouvelles*) VERDA STELO.

## POIGNÉE DE NOUVELLES

**Le County-Council** — Répondant à l'invitation du Groupe Espérantiste de Paris, quelques membres du County-Council de Londres, parmi lesquels nous pouvons citer le capitaine Stemphill et le colonel Brobyn et son fils, se sont rendus, à titre privé, à la réception organisée en leur honneur dans les salons du Grand Hôtel le jeudi 8 février, à six heures. Après quelques discours, les espérantistes parisiens ont chanté le *God save the King* en Esperanto, d'après le texte de la nouvelle traduction de Zamenhof, et on a bu le champagne en l'honneur de l'Esperanto et de la fraternité des peuples.

***

**Au Conseil municipal.** — Nous apprenons avec plaisir que, consécutivement à la proposition de M. Sténaffe au Conseil municipal de Paris, M. Bédorez, directeur de l'Enseignement primaire, a réuni les Directeurs des Ecoles primaires supérieures de la ville pour examiner la question de l'introduction, à titre d'essai, de l'enseignement de l'Esperanto dans les écoles. Le Directeur, chaud partisan de notre langue, a lui-même vaillamment défendu notre cause. C'est dire que le succès final est à peu près certain. Il est probable que plusieurs cours facultatifs seront organisés très prochainement dans les Ecoles primaires supérieures, avec le concours du Groupe Espérantiste de Paris. Deux de ces cours doivent même commencer sous peu à l'Ecole Turgot et, le professeur bénévole sera, paraît-il, notre collaborateur M. Carlo Bourlet.

***

*Lens* (Pas-de-Calais) :

*Les Amicales* de Lens, comprenant 1,400 élèves des écoles laïques, ont décidé d'organiser, au siège de leurs associations, des cours d'Esperanto. Elles ont fait appel au dévouement de l'organisateur du mémorable Congrès de Boulogne-surMer, et M. Michaux a fait hier, dans notre ville, une conférence qui a remporté un grand succès. Grâce à un grand tableau peint, où toute la méthode était exposée, les auditeurs ont pu, après une heure de démonstration, comprendre non seulement le mécanisme entier de cette merveilleuse langue, mais encore des phrases usuelles de conversation, dites par le conférencier uniquement en Esperanto.

Le public prenait un plaisir extrême à traduire lui-même tout ce que l'orateur disait en Esperanto. Cette démonstration par le fait fut si concluante, que sur la demande même des assistants, un groupe provisoire, comprenant une centaine de membres, fut créé séance tenante.

M. Benoit, professeur du Groupe Espérantiste d'Arras, a accepté de donner à Lens les premières leçons d'Esperanto.

***

*Aix-en-Provence :*

Dans une réunion qui a eu lieu au Café Oriental vendredi soir, un certain nombre d'Espérantistes de notre ville ont décidé la fondation d'un groupe dont le but est de propager l'Esperanto, d'organiser des cours et d'assurer à ses membres les avantages des relations avec les Espérantistes du monde entier.

Un bureau provisoire a été constitué : M. Laroche, président, M. J. Contencin, secrétaire.

Les adhésions sont reçues chez M. Laroche, rue Fabrot, 19.

***

*Versailles.*

Le 24 janvier, M. Aymonier, professeur au lycée Hoche a étudié, dans une causerie familière, devant une nombreuse assistance, le problème d'une langue auxiliaire internationale. Sa belle conférence a été analysée en détails par l'*Echo de Versailles*.

Le Groupe Espérantiste de Versailles vient d'organiser, à l'Hôtel de Ville, un cours public et gratuit d'Esperanto, qui aura lieu tous les mercredis à 8 h. 1/2 du soir dans la salle des cours publics, à partir du 31 janvier.

***

*Caen.*

La Société caennaise l'*Esperanto* se voit obligée, vu son développement et le nombre toujours croissant de ses adhérents, de créer un nouveau cours le mercredi.

Douce nécessité !

***

*Dijon.*

Le cours d'Esperanto s'est ouvert le mardi 13 février dans l'ancienne salle du Conseil général à la Préfecture. Il est professé par un jeune homme plein de promesses, M. Jean Boirac, licencié ès-lettres, fils de M. le recteur Boirac dont l'éloge n'est plus à faire.

Etant donnée l'affluence ordinaire aux cours dijonnais, le Groupe n'a pas hésité à faire payer un franc d'inscription aux auditeurs afin de couvrir les frais d'éclairage et de chauffage. Malgré cette exigence pécuniaire (très sage), une soixantaine de personnes se sont fait inscrire au début de la première leçon.

***

*Société Espérantiste de la Paix.*

Le 22 décembre, a été fondé à Paris, le premier Groupe local de la Société Espérantiste de la Paix.

Ce Groupe, qui compte dès maintenant 60 membres (dont 11 dames), a pour secrétaire M. P. Blaise, 4, rue Bourg-Tibourg, et pour secrétaire suppléant M. L. Carlos, 4, rue Lacépède.

Il a décidé de se réunir le 22 de chaque mois, pour discuter toutes questions intéressant le pacifisme, la propagande et le développement de la Société. La réunion du 22 janvier a pour ordre du jour : « La Colonisation et les rapports entre Européens et indigènes aux Colonies. »

***

*Légion d'honneur.* — M. Minet, inspecteur primaire à Lille, vient d'être nommé chevalier de la Légion d'honneur. M. Minet fait tous les mois une place pour un article relatif à l'Esperanto dans le journal *Le Nord pédagogique et sténographique*.

Tous les espérantistes applaudiront à cette promotion.

***

*Administration postale.*

Prudemment le Congrès de Boulogne ne voulut pas faire de tentatives officielles auprès de la haute administration postale ; il lui semblait que le terrain n'était pas suffisamment préparé. — Un jalon vient d'être planté en France de façon très heureuse par l'administration de *Tra la Mondo*. Après examen de la Revue, celle-ci a été inscrite, *au titre espérantiste*, sur la liste des périodiques auxquels on peut s'abonner dans les bureaux de poste français.

Nous recommandons ce procédé de propagande à nos confrères étrangers, dans les pays où l'on peut, comme en France, s'abonner aux revues dans les bureaux de poste.

***

*Nouvelle Revue.*

*Le Groupe de Nancy* vient de se donner pour ses communications un mignon petit journal mensuel très coquet.

Nous y avons appris que les Nancéens ont été obligés de créer un quatrième cours, inauguré le 19 janvier, et qui compte déjà plus de 75 élèves.

Aux fêtes espérantistes de Nancy on chante, on débite et on danse. Tous les plaisirs à la fois. Bravo.

***

*La Presse.*

Nos amis se sont empressés de faire connaître aux journaux, d'après le *Daily News*, l'opinion de M. Stead sur la diffusion comparée de l'Esperanto et de l'anglais en Russie et l'appui que l'Esperanto vient de trouver dans

